


# PEDAGOGIA REVUO

OFICIALA ORGANO
DE TUTMONDA ASOCIO DE
GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ
T. A. G. E.

8-a JARO, N-ro 9/10 SEPTEMBRO-OKTOBRO 1929

## Tarifo de la abonprezoj.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉeĥ. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | draĥmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | skud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plej-eble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer“. Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.



## Agentoj de TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En landoj:**

| | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex. |
| Aŭstra: | Josef Feder, Wien II/I, Erlafstr. 8/9. |
| Belga: | Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles. poŝtĉ. 124.801. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉeĥoslovaka: | Albin Neuzil, lernejestro Olomouc-Neredin. |
| Dana: | La Forta Voko, Dana Esperanto-Gazeto, Poŝtkto. 3584. — S-ro Paul Neergaard, Kastelsvej 21, Kopenhago. |
| Estona: | Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn. |
| Franca: | M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret. |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hispana: | Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona. |
| Hungara: | Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Java: | K. Wirjosaksono, Klaten. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petroviĉ, Beograd, Kosmajska 47, stan. 4. |
| Latva: | S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11. |
| Litova: | A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR). |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Czersk-Pom., poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan). |
| Rusa: | Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo. |
| Sveda: | Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6 Stockholm, poŝtĝiro 50304. |
| Svisa: | S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo. |

INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

8-a jaro. Numero 9/10
Septembro-Oktobro 1929

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

**Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.**
**Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.**
**Administrejo: KARL KRÖBER, Weststrasse 4, Riesa a. d. Elbe, Germanujo,**
**Poŝtĉekkonto Dresden 110715.**

**ENHAVO: Edukado al interpopola paciĝo kiel etika tasko (al la Redakcia Programo 11) — Pri la neceso direkti sin al la psikologia studo de la individuo (al 131) — Internacia kongreso en Ĝenevo (al 211) —Helsingora Mondkongreso (al 211) — Esperantista montra diskutado ĉe la kongreso Helsingora (al 221) — La geinstruista kunveno en Budapeŝto (al 221) — 9-a SAT-kongreso en Leipzig. Raporto de M. Boubou. — Recenzoj (al 231).**

# Edukado al interpopola paciĝo kiel etika tasko.

Parolado ĉe la Kongreso de la Mondfederacio de Edukaj Asocioj en Ĝenevo.
D-ro Fritz Kraner, Dresden.

Tre ŝatataj gesinjoroj!

„Nobla estu la homo,
Helpema kaj bona:
Ĉar tio sola diferencigas lin
De ĉiuj estaĵoj,
Kiujn ni konas!“

Goethe.

Ni iru, ŝatataj gesinjoroj, sen plua antaŭparolo tuj mezen en nian temon! Ĉu oni bezonas apartan pruvon por tio, ke la postulo pri interpopola paciĝo estas vere etika? Ĝi estas tiom nedisigeble ligita kun nia tuta etika esteco, nia religia sentado, nia moderna mondpercepto kaj sociala pensmaniero, ke eĉ la plej akrevida sofisto ne povos nin persvadi pri la kontraŭo.

Ni supozu foje la kontraŭon kaj postulu: vi faru nenion al tio, ke la popoloj interpaciĝu! Vi semu malamon kaj malamikecon inter ili! Vi kaŭzu eĉ malamikecon kaj militon inter via propra popolo kaj la najbaraj! — Kiu ajn kuraĝus, aprobi kiel etikan tian postulon, tiamaniere senigitan de ĉiuj beligaj vualaĵoj?

**Atentu la novan adreson de la redaktoro!**

Aŭ oni apliku foje tion, kion kutime oni senskrupule aprobas koncerne la interpopolajn rilatojn, al la rilatoj de unuopa persono al alia! Ĉu iu ajn povas dubi, ke estas devo de plej alta etiko, kontraŭbataladi la pensojn de malinklino, malamo, malamikeco kontraŭ iu ajn kaj predikadi pacon rilate al ĉiuj, kiom malfacile al ni tio kutime estas, kaj kiom malkomplete en tio ni ĝenerale sukcesas? Ĉu de popolo al popolo tio ne validas?

Kiu ne rememorus la diron de Jesuo, per kiu li venkis la naciece limigitan etikon de la antikva tempo kaj anstataŭis ĝin per la etiko de la dioinfanoj, etiko ĉirkaŭprenanta samame la tutan homaron? „Estas dirite al vi: vi amu vian proksimulon — t. e. vian samnaciulon — kaj malamu vian malamikon! Sed mi diras al vi: vi amu eĉ viajn malamikojn!"

Kaj ĉu ne postulas la filozofia etiko de Kant la samon, rilate al la praktikaj konsekvencoj, kiam li diras: „Eĉ se la efektivigo de la intenco de la eterna paco ĉiam restus nur pia deziro, tamen ni ne trompos nin, akceptante la maksimon de nia senĉesa laboro en ĉi tiu direkto, ĉar tiu efektivigado estas nia devo?"

Laŭ ĉio ĉi tio la plej altgrade morala esenco de nia postulo ne povas esti refutata de ĉiuj, kiuj kutimas sincere pripensi la etikan ideon.

Sed estas longa vojo de la nura konsento pri morala tezo ĝis la konformaj moralaj volo kaj agado, decidigantaj solaj pri la etika valoro de homo. Kaj eĉ nur supaŝi tiun vojon, kutime cent kaŭzoj nin volas malhelpi.

En nia speciala kazo temas precipe pri jenaj:

Doloraj historiaj spertoj, antaŭ ĉio suferitaj gravaj maljustaĵoj kontraŭnaciaj; la konscio de la propra nacia subpremiĝo; aŭ kontraŭe: la konscio, esti la plifortuloj; efektiva aŭ — plejmulte — nur supozita malaltvaloro kultura de la najbaraj popoloj; la entuziasmo por propra patrolando igota pli granda, pli potenca, pli feliĉa; tute lasite flanke la politika pasio, malklaraj amaso-instinktoj naciaj kaj la senskrupula profitavido, estanta preta, paŝi trans milionojn da mortigitoj.

Do estas necese, ke antaŭ ĉio ni preparu kaj konservu la bonan volon, seniluzie ekzameni ĉiujn tiujn internajn malhelpaĵojn je ilia vera valoro, kaj poste, ke ni decidu tute malvarmsange, ĉu estas aprobinde de la etika kaj eĉ pure nacia vidpunkto, pro tio esti nepaciĝa kaj eble elvoki la danĝeron de milito kaj eĉ la militon mem.

Pri kio temas, kiam la popoloj malamikiĝas? Fine ĉiam pri rajtoj kaj malrajtoj same en la pure etika senco kiel en la laŭjura.

La ĉefa malfacilaĵo, trovi kaj krei la interpopolan rajton, konsistas en la fakto, ke la senperaj interesiĝantoj samtempe volas esti akuzantoj kaj juĝistoj en propra afero kaj, kiam ili ekprenas la armilojn, eĉ volas esti la iloj de la plenuma potenco. Tio estas nek etike nek jure tolerebla stato, ĉar tiuvoje la plena rajto kaj vera juro neniam troviĝos, kaj sufiĉe kontentiga justeco neniam kreiĝos. Ĉu tiu bedaŭrinda stato estas neevitebla? Tiom malmulte kiom en la konfliktoj de persono al persono, kie ĝi estas forigita jam de jarmiloj en ĉiuj kulturitaj popoloj. Estas ankoraŭ parolote pri tio! Sed ĝis kiam ĝi ankoraŭ ekzistas, tute egale ĉu rajte aŭ senrajte, ĉiuj anoj de ĉiu popolo havas la devon konscience esplori, kiujn difektojn entenas ĉi tiu memjuĝado. Nur tiamaniere oni povas atingi sufiĉe klaran enrigardon en la veran etikan rajton ĉiflanke kaj transe.

Neniu unuopulo, ekzamenante kun ekstrema sincereco la sekretajn instigojn de siaj propraj juĝado kaj agado, antaŭ ol sin igi juĝisto en propra afero, perdas eĉ minimumon de sia digno. Same ankaŭ neniu popolo, farante tion en la politika konflikto, iel ajn malhonoriĝas. Aliflanke: agas vere prudente kaj etike, kiu en la kontraŭo de persono al persono sin metas en la situacion de la kontraŭulo, por pli ĝuste taksi ties valoron kaj la kialojn de ties postuloj kaj agado. Samgrade ankaŭ estas etike kaj prudente, montri plenan justecon al la kontraŭula popolo per konscienca ekzameno de ties cirkonstancoj kaj esteco.

Neniu popolo estas tiom bonega, kiom sen verdirema sinkritiko ĝi mem sin taksas. Kaj neniu popolo estas tiom malbona, kiom volas kredigi nin nia nacia egoismo, doloraj historiaj spertoj kaj bedaŭrinde ankaŭ miloj da homoj esperantaj materialan avantaĝon el tio, ke ni ĝin kredas malbonega.

Volante esti justaj juĝistoj en propra afero — supozite ke tio estas ebla — ni devas purigi niajn korojn de ĉiuj malamikecaj sentoj rilate la kontraŭulon. Malŝato, malestimo, malamo, venĝaj sentoj estas maljustaj juĝistoj. Volante juĝi en propra afero, ni devas konduti en niaj animoj, kvazaŭ la kontraŭulo jam cedis la postulaton. Ne estas ĝuste diri: antaŭe mi postulas mian rajton, poste mi volas paciĝi. Sed la preteco al paciĝo devas antaŭiri al nia juĝo en propra afero, alie ni ĉiam pli-malpli maltrafos la etikan rajton kaj pro tio neniam atingos la staton de vera paciĝo, pri kiu ĉiu juĝo ja devas temi. Oni ankaŭ ne diru: Antaŭe la kontraŭulo sendube pruvu al mi sian paciĝvolon, poste mi estos preta doni al li la manon. Se ambaŭ kontraŭuloj diras tion, ĉiu paciĝo estas neebla. Krom tio: ni ne forgesu, ke la justa juĝisto, volante trovi kaj almezuri la juron, ĝenerale ne devas demandi pri la sentoj, bonaj aŭ malbonaj, de la partioj. Kaj ni ja volas esti justaj juĝistoj eĉ en propra afero. Ni do laŭeble lasu flanke la sentojn de niaj naciaj kontraŭuloj, sentojn, kiujn cetere en la plimulto de la kazoj ni nek ĝuste vidas nek prave klarigas, ĉar antaŭjuĝoj, egoismo, politika pasio kaj aliaj cirkonstancoj nin malhelpas.

Mi jam plurfoje diris, ke al la porpaca volo doloraj historiaj spertoj kaŭzas gravajn malhelpaĵojn. La plej granda malfacilaĵo tiuspeca konsistas por ni germanoj, kiel cetere por la plejmulto de niaj najbaroj, en la terura fakto de la mondmilito, pri kiu ankaŭ ni ne sentas nin kulpaj kaj kiu malgraŭ tio sekvigis por ni packontrakton — aŭ pli ĝuste perfortan diktaĵon — kies fiksaĵojn kaj politikajn konsekvencojn ni ĉiutage denove devas rigardi kiel insulton al etika rajto kaj laŭjura justeco.

Mi konfesas, ke dum la unuaj jaroj post Versailles mi ne povis toleri la penson, devi montri paciĝvolon koncerne popolojn, kies tuta politika agado kontraŭ ni ŝajnis esti diktita nur de malamo, venĝemo kaj pereiga volo. Precipe dolorece estis al mi, rememori la multajn centmilojn de niaj samnacianoj oferintajn sur mil batalkampoj sian vivon por la sekureco, rajto kaj honoro de nia popolo. Ĉu ne ĉiu el tiuj vivoj estis oferata en la fido, ke la nebatalmortintoj kaj postvivontoj estos ne malpli brave pretaj, rezisti per la armiloj al la malamikoj de la patrolando kaj fordoni sangon kaj vivon por rajto kaj libereco, grandeco kaj honoro de nia popolo? Ĉu ne estis senhonora perfido kaj senhonta malfideleco ekzemple kontraŭ la volontuloj de Langemark, konsili al la junularo pacon kaj paciĝon, antaŭ ol la malamikoj

donis al ni plenan kontentigon? Ĉu la torentoj da sango, plej nobla sango, estus vane fluintaj, la centmiloblaj oferoj de la vivo, plej valora vivo, estus senutile faritaj? La artikolo 148 de nia regna konstitucio, postulante, ke ĉiu edukado estu edukado ankaŭ en la senco de la interpopola pacigo, ŝajnis al mi kiel la humila kaj plendinda konfeso de popolo, kiu post heroa batalado perdis siajn nervojn kaj nun furiozas samtempe kontraŭ sia estinteco kaj sia estonteco.

Hodiaŭ mi scias, kiom eraraj multrilate estas tiuj pensoj, konsidere antaŭ ĉio al la konsekvencoj, pri kiuj oni plej ofte havas nur malklaran konscion kaj kiujn elparoli malkaŝe eĉ fortikostaj animoj hezitas. (Finota.)

---

# Pri la neceso direkti sin al la psikologia studo de la individuo.

Parolado de D-ro Adolphe Ferrière en la kongreso Helsingora je la 9-a de Aŭgusto 1929.

Gesinjoroj!

La Internacia Ligo por la nova eduko inaŭguras hodiaŭ sian kvinan internacian kongreson. De unu kongreso al alia la nombro de partoprenintoj kreskis en impresa maniero. Kaj tiu videbla kresko estas nur signo de pli vasta kresko de partianoj de la nova eduko en la mondo. Ne plu estas nur kelkaj eksperimentaj skoloj kiuj sin reklamas per la nova eduko, sed nun tutaj landoj ĝin adoptas aŭ aliĝas. Hamburg kaj Wien ekpafis. Rusio, Turkio, Ĉilo sekvis. Studento de la Teachers College en Kolumbia Universitato skribis al mi antaŭ nelonge: »Estas impresige konstati teorian unuanimecon favore al la funkcia eduko. John Dewey kaj Edward Thorndike, eĉ se ili diferencas en iliaj pluraj vidpunktoj, akordas tiurilate.« Ĉu ni rajtas diri ke ĉiuj lernejoj penas sekvi la movadon? — Ho ve! Ĉiu scias ke estas malproksime inter la kaliko kaj lipoj, inter la teorio kaj praktiko! Sed la teoria unuanimeco de spertuloj altiros pli-malpli frue klarvidajn estrojn de ĉiuj nacioj; ili agos, transformos la leĝojn, alĝustigos per aktuala scienco la studojn faritajn en la normalaj lernejoj; ili rekonos, por estontaj magistroj, la utilecon fari praktikan studon en lernejoj »progresivaj«, kiel oni diras en Usono. Kaj tiam post tridek jaroj, la instruanta personaro povos esti renovigita. Estas malfacile supertaksi la socian kaj moralan efikon de tiu ĉi praktika enkonduko en lernejojn de la principoj de la nova eduko.

Por ke tiu »revolucio« fariĝu, du kondiĉoj necesas: evoluo de publika opinio al nova koncepto pri la mondo kaj vivo, kaj evoluo de scienco al la pli funda kono de la homa individueco.

Mi devas diri ke tiuj du evoluoj sin kompletigaj estas sur la vojo de plenumiĝo. Ĝi estas motivo esperi kaj ĝoji por idealistaj spiritoj kiuj konstatas tiun duoblan evoluon, ĉar iliaj aspiroj plej ardaj estas tiamaniere plenumataj. Malpliigi maljustajn suferojn kiujn naskas malbone organizita mondo, kaj fari tiel ke ĉiu individueco povu doni sian maksimumon por la bono de la homaro.

Vidi klare, konstati tiun evoluon kaj por ĝi kontribui, jen estas la devo de ĉiu homo de koro.

La unua evoluo, tiu de la publika opinio, al nova koncepto de la mondo kaj vivo, estas reprezentata, gesinjoroj, plej aŭtentike de vi mem, sen kio vi ne estus venintaj al Helsingor.

De ĉiuj flankoj la ekonomia kaj morala materialismo senesperigis la homaron. Oni estas tro premata. Aferoj, mono, ĉiuspecaj malkonsentoj, politiko kiu rezultas de ekonomia rivaleco, analiza spirito kiu efikas per tio kio distingas kaj ne per tio kiu unuigas, ĉio tio premas dolorpeze sur la konscio de la juna generacio, kiu meditas, komparas, konas la pasinton kaj estanton, kaj serĉas la vojon pli klaran al la venonto. Tiel oni ne miru vidi ke la elito de geviroj serĉas ligi solidan faskon da energioj direktitaj al la triumfo de la spirito kontraŭ la materio, de la racio kontraŭ la nekonscio, de la scienco, en alta senco de l' vorto, kontraŭ tio kio estas morta en la tradicio. Scienco kaj bona senco, alivorte: konscia vero perceptata per la racio, kaj ankoraŭ nekonscia vero perceptata per la intuicio, jen al kio sin direktas la nuna mondo.

La dua evoluo kiu konturiĝas estas tiu de la scienco serĉanta pli fundan konon de la homa individuo.

Ĝis nun la fiziologio kaj psikologio precipe serĉis leĝojn. La leĝoj devas esti veraj ĉie kaj ĉiam. Ili estas ĝeneralaj. Ili aplikiĝas al ĉiuj estaĵoj. Ili ne povas fari distingojn inter la lastaj.

Sed la pedagogio sin adresas ne al la infano ĝenerale, ĝi celas atingi la infanojn, tio estas bone difinitajn individuojn, diferencajn unuj de la aliaj; kiujn oni devas koni se oni volas ilin gvidi. La kverko kaj la kano eliras el similaj grajnoj. Ĉeloj kiuj donos tervermon aŭ elefanton diferencas malmulte unu de alia. Kaj tamen kiom estas malsimilaj iliaj produktoj! Ankoraŭ pli malsimilaj eble estas homaj individuecoj, kvankam per iliaj vizaĝoj, staturoj, ĝenerala formaro, oni povus ilin opinii tre similaj. Sufiĉas studi pli proksime la verkojn de filozofoj kiuj serĉis la esencon de la homa personeco, por kompreni ke en la sfero de nevidebla mondo la estaĵoj milfoje pli malsimilas ol en iliaj videblaj trajtoj.

Do, mi jam diris, la eduko agas sur konkretaj individuoj, sed ne sur ideo abstrakta, platoneca. Tiurilate la testoj estas teoria progreso, kvankam ili studas nur nivelojn. La plano de Dalton estas unua praktika progreso, ĉar ĝi lasas en kelkaj punktoj la personecon sin montri, laŭ ĝia propra rapideco. Sed kiom da perfektigoj oni bezonas alporti al tiuj du metodoj por ke la teorio klerigu kaj gvidu la praktikon kaj por ke la praktiko povu utiligi la direktkonsilojn de la teorio, por atingi, laŭ la ekonomia formulo bone komprenata, »pli da utilaj efikoj per malpli da neutilaj penoj«.

Sciencistoj eklaboris. Rusoj: Rossolimo, precipe Lazurskij, serĉis starigi psikologiajn profilojn sur objektiva bazo. La intelekto havas siajn apartajn trajtojn, kaj la karaktero ankoraŭ pli. Koni, kompreni, kaj ne nur per intuicio, sed laŭ precizaj metodoj ebligantaj objektivajn diagramojn, jen kion serĉas nunaj psikologoj.

Koni kaj kompreni.

La lernejo estas unua kiu profitos de tiuj serĉadoj. Se estas vere ke la medicino povas nur helpi al la naturo — natura medicatrix —, estas pli vere

ankoraŭ diri ke la eduko povas nur helpi al la naturo de infano — natura naturans — laŭ la diro de Spinoza. Estus vane voli dresadon de l' infano: tio estus lia misformado. Se la dresado sukcesas ekstere, tio eblas ĉar la aŭtonoma personeco estas sufokita. Ju pli la dresado sukcesas, des malpli oni kreas veran personecon. Nur unu escepto, cetere teoria: en la kazo kiam la dresado estus farata precize en la senco de la infana personeco, laŭ la direkto de tio kion Ellen Kay nomas ĝiaj »linioj de vivo« (Livslinjer). Kazo tre malofta, kiun oni renkontas nur ĉe kelkaj patrinoj dotitaj je riĉa intuicio, kaj ĉe tre maloftaj pedagogoj kiel Pestalozzi.

Por koni la individuon, utilas sed ne estas nepre necesa, koni unue la tipon. La tipoj estas kategorioj de individuoj kiuj prezentas inter si plurajn komunajn trajtojn. Oni starigis plurajn kategoriojn de tipoj: S-ino Ensor, D-ro C. G. Jung, Alfred Binet kaj aliaj tion provis. Claude Sigaud kaj D-ro Allendy en Paris ambaŭ serĉis ligilon inter la temperamento kaj la tipo. Samtempe psikologoj kiel Alice Descœudres, D-rino Charlotte Bühler, Jean Piaget serĉis karakterizi diversajn aĝojn. La infaneco kaj la junaĝo estas do studataj science kiel tereno submetata al la vertikalaj kaj horizontalaj tranĉoj, malkovrantaj tie supermetitajn tavolojn de tereno.

»Komencu do pli bone studi viajn lernantojn, ĉar certe vi ilin ne konas« diris J. J. Rousseau. Tio estas vera ankoraŭ nun. Se ni volas realigi la aktivan lernejon, se ni volas fondi la novan edukon sur scienca bazo, necesas ĉiamaniere individualigi la instruon kaj la edukon. Individualigi kaj sociigi: unu tiras alian. Ĉar la vera socio estas tie kie la laborvido utiligas ĉiujn kapablecojn. Kolektiva niveliga instruo de personecoj estas anti-socia instruo, unuavice, kiel pruvas la tuta moderna historio.

Koni tipojn de infanoj kaj per tio juste agi al individuecoj, trovi metodojn sin-edukigajn kaj kolektivajn, kiuj ebligas tiun individuecan edukon laŭ ĝiaj propraj kapabloj, por la celo de bona funkciado de l' socia organaro, jen mi opinias, la tasko al ni donata, la tasko de la nuna generacio. Nur tiam ni formos personecojn riĉaj kaj altaj kiuj aplikos la unuan de niaj principoj: voli kaj realigi la superecon de la spirito. (Esperantigis la aŭtoro.)

---

# Internacia Kongreso de la Mondfederacio de Edukaj Asocioj en Genève.

Ne atendu „raporton" pri la kongreso! Ĝi forprenus tro multe da spaco. La nombro de kunsidoj en diversaj sekcioj kaj komitatoj kaj de specialaj kunvenoj de interesuloj estis tiom granda, ke oni kiel unuopa persono povis partopreni nur malgrandan parton el ili. Cetere mi vizitis la kongreson speciale pro Esperanto kaj intencas raporti nur pri ĝia rolo dum la kongreso kaj pri kelkaj ĝeneralaj impresoj.

Mi ne povas diri, kiom da personoj partoprenis la kongreson kaj ne povas doni ciferojn pri la diversaj landoj, el kiuj venis kongresanoj. Oni bedaŭrinde ne aperigis liston de la kongresanoj kaj ĝis nun mi ne povis havigi al mi fidindajn ciferojn rilate la kongrespartoprenintojn. La oficialaj lingvoj dum la kongreso estis la angla, franca kaj germana. Por ĉiu lingvo oni donis specialan rubandon, ruĝan por la angle, bluan por la france,

flavan por la germane parolantoj. Krom tio ekzistis verda rubando por la Esperantistoj. Sed ne ĉiuj, kiuj portis ĝin, scipovis Esperanton, ĉar en la lasta momento oni estis doninta al italaj kongresanoj ankaŭ la verdan rubandon. Do, la tri unuaj personoj, kiujn mi renkontis ornamitaj per ĝi ne estis samideanoj kaj estis iomete mirigitaj, kiam mi alparolis ilin en „fremda“ lingvo. Kompreneble oni ne disdonis la rubandojn laŭ aparteno al nacio, sed laŭ scipovo de la koncerna lingvo. Sekve kelkaj kongresanoj samtempe portis la ruĝan, bluan kaj flavan rubandon, sed mi iomete dubas, ĉu fakte ĉiuj el ili kapablis tute kompreni ĉiujn alparoladojn, kaj mi ankoraŭ pli dubas, ĉu ili estus kapablintaj, partopreni aktive la debaton en tri lingvoj. Fakte ankaŭ ne sufiĉis la nomitaj tri ĉefaj lingvoj. Estis reprezentataj ankaŭ kelkaj el la tiel nomataj „malgrandaj nacioj“, kiuj certe ne profitis tiom de la kongreso, kiom ili esperis antaŭe. Mi povis konstati, ke ili parte pli aŭ malpli komprenis la germanan lingvon, kelkaj komprenis la francan, la plej malgranda parto la anglan. Sed fakte la angle parolantaj kongresanoj regis la situacion kaj pro tio regis la angla lingvo. Ekzemple la tuta programo por la kunsidoj de la unuopaj sekcioj estis verkita angle. Sed bedaŭrinde sufiĉe granda parto de la angloj kaj usonanoj komprenis kaj parolis nur la anglan lingvon, kiu cetere montris grandan diversecon de elparolado kaj prononcado. Tio precipe malhelpis, kiam prezidanto de kunsido estis nur angle parolanta kolego, ĉar tiam li ne povis kontroli tion, kion oni diris dum la diskutado en aliaj lingvoj. Do, pli aŭ malpli oni havis la impreson de „babilona konfuzo“. Ĝi kaŭzis ankaŭ sufiĉan malordon dum la kunsidoj mem. Ĉiama en- kaj eliro! Oni foriris, kiam oni aŭdis fremdan lingvon, oni revenis, kiam oni atendis tradukon. Nur malgranda parto de l' aŭskultantoj restis silenta kaj sidanta dum tutaj kunsidoj.

La kongresprogramo estis tre — aŭ pli bone — multe tro ampleksa. Laboris 19 sekcioj, ekster ili okazis ĝeneralaj kunsidoj kaj kunsidoj de komitatoj. Certe la temoj ĉiuj estis tre interesaj por pedagogo kaj parte ankaŭ aktualaj. Mi persone estus deziranta, ke la tuta kongreso estus limiginta sin nur je la temoj de la sekcioj V—VII, kiuj pro la tuta nuntempa situacio ŝajnis al mi la plej aktualaj. Se oni estus pritraktinta kaj diskutinta nur la temojn de ĉi tiuj tri sekcioj — pli detale, pli intense kaj ne nur en sekcioj, sed en ĝeneralaj kunsidoj, tiam verŝajne la fina rezultato estus estinta pli impresa kaj donanta pli praktikan rezultaton.

Ĉiam denove, kiel dum internaciaj Esperanto-kongresoj, tiel speciale dum diverslingvaj internaciaj kongresoj, oni faras la saman sperton: la programoj suferas pro troa materialo. La devizo devus esti: malmulte kaj la malmulton pli ekzakte, pli detale, pli profunde!

Pri la kunsidoj de la sekcioj V—VII, kiuj por mi havis specialan intereson, ĉar dum 3 el la 9, respektive 6, kunsidoj de ĉi tiuj sekcioj oni uzis Esperanton, mi povas konstati, ke ili estis vizitataj sufiĉe bone kaj ke Esperanto en ili funkciis kontentige.

La ĝenerala temo por la tri sekcioj V—VII estis: „International Kooperation and Goodwill“ (Internacia Kunlaborado kaj Bona Volo). La subtemoj por la 6 kunsidoj estis:

a) Intelekta kunlaborado kaj la Ligo de Nacioj.
b) La preparo de instruistoj por intelekta kunlaborado.
c) (Du temoj:) 1. Historio de laboro kaj 2. Materialo por atlaso de civilizacio.
ĉ) La internacia spirito en la lernejo.
d) Rimedoj por internacia interkompreno.

e) La eduka laboro kaj la Ligo de Nacioj.

En la dua, tria kaj kvina de la cititaj kunvenoj oni uzis nur Esperanton kiel tradukilingvon, en la aliaj la francan kaj germanan lingvojn. Tiamaniere mi aŭdis en la 2-a kunveno: Raporton pri studaĵo titolita „Analizo de la sintenado de Amerikaj instruistoj kaj aliaj rilate programon de edukado al mondamikeco kaj reciproka kompreno. La koncerna studaĵo de D-ro H. L. Smith esperebla liveros interesan materialon por artikolo en „Internacia Pedagogia Revuo“. Poste raportis profesoro Pierre Bovet: „Pri tio, kio estas farita depost la konferencoj en Praha kaj Toronto“, kaj post li ni aŭdis raporton de la hispano Pedro Rossello pri: „Speciala kurso por la instruistaro.“

La temojn de la dua kunsido, en kiu oni uzis Esperanton, mi jam citis sub c), nome: „Historio de laboro“ kaj „Materialo por atlaso de civilizacio“. Kaj en la tria kunsido kun Esperanto diversaj parolantoj parolis pri diversaj temoj, kiuj ĉiuj koncernis la junularon, pri „La porjunulara ruĝa kruco“, „La ligo de boneco“, „Infanoj en ekzilo“, „La tago de bona volo“ ktp. Komprenebla por ni Esperantistoj estis la plej interesa parolado tiu de D-ro Kraner, supera lerneja konsilanto en Dresden, pri „Edukado por mondpaco kiel parto de morala edukado“, ĉar la parolanto estas aktiva Esperantisto. Estas neeble, doni pli detalajn informojn pri la enhavo de la paroladoj, pri la tezoj de la parolintoj; preskaŭ ĉie kaj ĉiam regis unuanimeco, akra debato en la propra senco de la vorto okazis nur, post kiam parolis s-ino Eugène Simon pri la Ligo de boneco, kaj Esperanto-debato en la propra senco de l' vorto okazis nur, post kiam iu ĵetis en la debaton la demandon: „En kiu lingvo korespondu la junaj ruĝkrucanoj?“

Plejparte oni legis la alparoladojn el manuskripto, kaj ne parolis libere. Ŝajnas al mi por tiaj kongresoj multe pli efike, se oni parolas tute libere, eble havante en la mano nur kelkajn mallongajn notojn. Se oni regas la materion, ne povas esti malfacile, paroli libere. Tiam laŭ mia opinio la pensoj de la parolanto pli forte enpenetras en la orelojn kaj korojn de la aŭskultantaro.

Estis fakte liberigaj momentoj, kiam ekstaris d-ro Privat, tradukante en Esperanton kaj parolante sen iu ajn manuskripto. Tiam vole-nevole atente aŭskultis ankaŭ la neesperantistoj kaj konvinkiĝis pri la taŭgeco kaj belsoneco de nia internacia lingvo. Antaŭ la kunsidoj, en kiuj oni aplikis Esperanton, mi aŭdis ankaŭ kritikojn kaj atakojn kontraŭ Esperanto. Sed estas fakto, ke ĉiuj kritikoj kaj atakoj mutiĝis dum la kunsidoj mem. Oni ja ne sciis, kial ataki Esperanton? Eĉ tiam, kiam oni priparolis la demandon pri Esperanto kaj ĝia apliko, neniu riskis protesti; tion mi kun ĝojo precipe povis konstati dum la speciala debato pri la lingvo de la ruĝa kruco. Dum ĝi eĉ kelkaj neesperantistoj principe konsentis la uzadon de internacia mondhelplingvo. Tute ne miriga situacio: ĉiuj kongresanoj ja kvazaŭ sentis je sia propra korpo la malfacilaĵojn de la internacia kongreso pro la diverslingveco.

Dank' al la afableco de la Herman-Jordan-komitato en unu el ĝiaj specialaj kunsidoj d-ro Privat havis la eblecon, fari paroladon en angla lingvo pri Esperanto. Ne estos necese, konstati, ke li parolis tre elokvente. Tre lerte li aludis la gravecon de Esperanto por la instruistaro, ricevante fine ĝeneralan aplaŭdon. Per siaj vortoj li donis al mi la eblecon, paroli pri Esperanto en germana lingvo. Elirante de la samtempa SAT-Kongreso en Leipzig, dum kiu laboristoj el pli ol 20 landoj pritraktis siajn aferojn en Esperanto, mi povis atentigi pri IALA, pri kelkaj ciferoj de „Kunlaborado“ kaj transdoni (ankaŭ en Esperanto) al la

kongreso la salutojn de la Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistoj.

Krom la cititaj kunsidoj okazis ankaŭ kelkaj pure esperantaj kunsidoj. Kiam mi veturis al Genève mi iomete dubis, ĉu nia samideanaro tie estos reprezentata eĉ nur iomete kontentige. Mi nur sciis, ke venos skotlanda kolegino kaj kelkaj svisaj kaj germanaj kolegoj. Despli ĝojige estis, ke la kongreson — laŭ mia kontrolo — partoprenis 47 gekolegoj esperantistaj el 11 landoj: Anglujo, Ĉeĥoslovakujo, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Polujo, Rusujo, Skotlando, Svedujo, Svisujo, Usono. Malgranda nombro kompare kun la nombro de la tuta kongresanaro! — Kaj tamen sufiĉe granda, por influi la iradon de kelkaj kunsidoj, por formi publikon vere internacian. Entute ni havis 3 kunsidojn. Dum la unua ni konstatis, kiuj esperantistaj gekolegoj ĉeestas kaj s-ro H. Jakob, direktoro de UEA, skribe invitis ilin al ĝenerala kunsido. Partoprenis ĝin 31 personoj el 8 landoj, inter ili nia tre ŝatata samideano d-ro Bovet. Dum ĝi oni precipe diskutis la sintenadon rekomendindan dum la jam supre cititaj 3 kunsidoj kun uzado de Esperanto kaj diskutis principajn demandojn. Sekvis ankoraŭ alia kunsido en la granda „Palais des Expositions" sub la signo de la verda standardo kun 35 personoj el 9 landoj. Ni havis la ĝojon, vidi inter ni profesoron Cart, la prezidanton de nia Akademio kaj d-ron Privat. Dum ĉi tiu kunsido ni aŭdis paroladojn pri diversaj temoj de parolantoj el Ĉeĥoslovakujo, Svisujo, Anglujo, Germanujo, Polujo. Dum kelkaj horoj ni pritraktis, vigle diskutante, materialon, por kiu la kongreso estus bezoninta minimume tutan tagon. Do, kiel prezidanto de la kunsido mi ne povis deteni min konstati, ke nia kunsido estus povinta montri bonan ekzemplon al la tuta kongresanaro, ĉar helpe de nia unu lingvo neniu suferis pro diverslingveco. Ŝajnas al mi, ke (kvankam certe multaj aliaj kongresanoj ne estis sufiĉe kontentaj) ni, kiel Esperantistoj, povas esti kontentaj pri la kongreso en Genève. Speciale tio valoras pro tio, ke la kongreso helpe de la Herman-Jordan-Komitato akceptis rezolucion pri mondhelplingvo, kiu ankaŭ atentigas pri la graveco de IALA. La teksto ankoraŭ ne estas definitive fiksita, almenaŭ mi ne havas la rajton, aperigi ĝin antaŭ la apero de la oficiala protokolo. Eble ĝi instigos la multajn usonajn gekolegojn, estontatempe labori kun kaj por IALA, kaj precipe tiujn el ili, kiuj ĝis nun ne sciis ion pri la diverslingvaj malfacilaĵoj en Eŭropo kaj dum la kongreso aŭdis ilin propraorele.

Mi veturis hejmen, kiel el similaj kongresoj, kun la konvinko, ke la definitiva profito dum tiaj diverslingvaj kongresoj ne estas sufiĉe proporcia al la tempo kaj mono elspezitaj por ili. Kaj el ĉi tiu kongreso mi hejmenportis la specialan konvinkon, ke ĉiuj geinstruistoj, kiuj komprenas la gravecon de mondhelplingvo, devas esti ĝiaj pioniroj. Esti pioniro estas malfacila tasko hodiaŭ, ĉar preskaŭ ĉie regas materialismo kaj oni ne emas labori por idealoj, ne antaŭvidante tujan profiton. Sed kiom granda estos la profito por la tutmonda geinstruistaro, kiam ĝi estos kompreninta, ke Esperanto ŝparigas tempon kaj monon kaj kondukas al la celo pli rapide kaj pli sukcesplene, ankaŭ se temas pri eduko de la nova generacio al internacia interkompreno kaj mondpaco.

D-ro Dietterle.

---

## Helsingsor-a Mondkongreso.

La Mondligo de nova eduko kongresis de la 8-a ĝis la 21-a de aŭgusto en la dana urbo Helsingor-o norde de Kopenhago. Ĉirkaŭ 1800 geinstruistoj el 40 ŝtatoj partoprenis. Ĉeestis 371 personoj el Britujo, 250 el Germanujo, 240 el Svedujo, 228 el Danlando, 227 el Usono,

68 el Polujo, 63 el Finnlando, 46 el Francujo, 44 el Norvegio, 40 el Latvujo, 36 el Svislando, 32 el Nederlando, 25 el Hungario, 15 el Aŭstrujo, 14 el Aŭstralio, 11 el Rumanujo, po 10 el Turklando kaj Hindujo, 9 el Belgio, 6 aŭ pli malmulte el Italujo, Ĉeĥoslovakujo, Hispanujo, Bulgario, Egipto, Ĉilio, Ĥinujo, Estonujo, Jugoslavio, Brazilio, Kanado, Greklando, Japanujo, Sudafriko, Nov-Zelando, Honolulo, Kubo, Islando, Irako, Palestino, Urugvajo. (Laŭ listo en la „Kronborg-Avizo“ n-ro 8).

Oni devas konstati, ke malgraŭ la grandega kunkuro la kongreso estis bone preparita kaj lerte direktata. La malfermo okazis je la 8-a de aŭgusto posttagmeze en la kastelo Kronborg-o, famkonata per Shakespeare-a „Hamleto“. Ĉefministro Stauning, la ministroj por internaj kaj lernejaj aferoj salutis la kongresanojn, uzante la germanan, danan kaj francan lingvojn.

La tri geestroj s-rino Beatrice Ensor (Londono), D-rino Elisabeth Rotten (Germanlando) kaj D-ro Adolphe Ferrière (Ĝenevo) komencigis la vicon de ĉefprelegoj la 9-an de aŭgusto antaŭtagmeze. S-ino Ensor komparis la agadon de la Mondligo por nova eduko kun krucmilitiro. D-rino Rotten pritraktis la temon: Adapto de instruplanoj al la epoka ŝanĝiĝo. Ŝi akcentis tri tezojn rilate al aliigo de instruplanoj, se oni per tio la lernejojn volas liberigi de supereco, kiun la lernmaterialo efikadas. Por laŭnatura laŭplana agado geinstruistoj bezonas kreantan povon de la ĝenerala spirito por arteco. La sinformada procedo estas konsiderenda dumviva okazo. La ekonomia kaj socia statoj estas formigendaj tiel, ke la plenaĝuloj povos partoprenadi je la kulturvivo. D-rino Rotten diris fine: Estu pacienca al infano, estu malpacienca pro la socistato!

La parolado de D-ro Ferrière aperas kun afabla permeso de l' aŭtoro en IPR, esperebe pli malfrue ankoraŭ kelkaj el la kongresaj paroladoj. La aliajn antaŭtagmezojn okazis jenaj ĉefprelegoj: s-ro Burton P. Fowler (Vilmington, Usono) parolis angle pri „Laŭcela agado je edukado“, D-ro E. C. Kaper, urbestro de Kopenhago, germane pri la temo „La karakterize dana libereco je lernejo“, D-ro Nils Hänniger (Stokholmo) angle pri „Pedagogiaj tendencoj en Svedujo“, s-ro J. Hertzberg (Oslo) angle pri „La norvegaj lernejoj kaj iliaj problemoj“, senatoro Emil Krause, (Hamburgo) pri la lernejaro Hamburg-a, s-ro Otto Glöckel, prezidanto de la urba lernejkonsilantaro Viena, germane pri la lernejreformo en Aŭstrio, s-ino Helen Parkhurst (Usono) angle pri „Problemoj de individueca lernado“, D-ro H. Deiters (Kassel-o) germane pri „La evoluo de la germanaj lernejoj en la respubliko“, D-ro Leo Weismantel (Germanujo) pri la temo: Kion volas la germana eduko porarta?, profesoro D-ro William Boyd (Glasgovo) angle pri „Pedagogiaj esploroj en la nova eduko“, D-rino Maria Montessori itale pri „La psikologia principaro de la eduko“, s-ro Holger Begtrup, la estro de la popolaltlernejo Frederiksborg-a, dane pri „La danaj altlernejoj por la popolo“, profesoro T. Percy Nunn (Londono) angle pri „La ĉefprincipoj de la nova eduko“, profesoro Waldemar Ruin (Finnlando) germane pri „La sunaj povoj en la eduko“, s-ro J. Lester (Usono) angle pri „Pedagogiaj teorio kaj praktiko en la nova Ruslando“. Bedaŭrinde ne estis eble, aŭdi en Helsingoro paroladon de rusa pedagogo. Ĝis kiam Ruslando kaj Ĥinujo ne estos reprezentataj en internacia pedagogia kongreso, la mondligo havas grandan fendon.

Kiu antaŭtagmeze en la longega Kronborgsalonego pro la lingva malhelpaĵo kun Hamleto devis diri: „Vortoj, vortoj, vortoj!“, tiu vizitis posttagmeze filmparoladon, esperante per la okuloj iom pli multe gajni ol per la oreloj. Oni montris skandinavajn instrufilmojn, lumbildojn de

usona lernejvivo, de la Hamburgaj porlernejaj kampardomoj, de svisa edukejo por malzorgitaj infanoj, de la Aŭstraj „Eundeserziehungsanstalten“ (landligaj lernejoj), de la lernejo „Odenwaldschule“, de la agado en la porjunulara ruĝkruco k. a. Ankaŭ ĉe psikologiaj paroladoj oni utiligis ofte filmon. Tiamaniere D-ro Kurt Lewin (Berlino) prezentis infanpsikologian esplormetodon de modernaj formaro-psikologoj, D-ro Ovide Decroly (Belgujo) psikajn reagojn de infanetoj, s-ino M. Bergemann-Könitzer (Jena) plastikaĵojn de infanoj. D-rino Elsa Köhler de la Psikologia Instituto Vien-a pritraktis infanetan personecon. Tre (aŭ tro?) estis aktivaj la psikoanalizuloj.

Plurfoje komitato por ekzameno-reformo havis kunvenojn. Montriĝis baldaŭ, ke la stato de tiu ĉi afero en la unuopaj landoj estas tre diversa. Profunda esplorado, sociologie komparanta, estas necesa, por ke oni povos pritrakti en internacia kadro tiun demandon, kiu estas nun en Anglujo tre aktuala.

Matene kaj malfrue posttagmeze kongresanoj kunvenis en kursoj kaj grupoj. La kursanoj devis pagi altan kromkotizon. Okazis kursoj pri la Montessori-metodo, la Decroly-metodo, la Daltonplano, la Winnetka-tekniko, la Projektmetodo kaj la psikoanalizo. Estis tre karakterize, ke neniu tia modelmetodo estis prezentata de germana pedagogo. En aliaj kursoj oni estis okupata per renovigo de instruplano, per ritmiko, per parolĥoroj.

La ĉeestantaro en la grupoj ŝanĝiĝis pli malpli. Jenaj ĉeftemoj formis la kadrojn por la 16 grupoj: Laŭindividua kaj laŭtipa psikologioj pertestaj ekzamenmetodoj, malfacile edukeblaj infanoj, praktiko en novaj lernejoj (privataj kaj publikaj), amasa eduko, novaj provoj en infanĝardeno kaj popolaltlernejo, kreanta artema esprimpovo de infanoj, lernejo kaj gepatroj, porinstruista klerigo, filozofio noveduka, edukado al internacia kompreno, infano kaj religio, la socia stato rilate al renovigo de lernejaro, seksa eduko.

La multampleksa ekspozicio montris partojn de la praktiko de la jam nomitaj modelmetodoj, la evoluon de la aktiva lernejlaboro en Danujo, la manlaboran kulturon en Svedujo kaj Norvegio, la gravan progreson de la lernejaro en Latvolando dum ties dekjara ekzisto kaj laboraĵojn de hungara privata lernejo (s-ino Martha Nemes). La germana parto de la ekspozicio estis limigata per la sola sfero: formo kaj koloro en la alarta eduko.

Vespere multo da kongresanoj kunvenis, por kanti en kvar lingvoj kaj danci. Okazis kelkaj „naciaj vesperoj“ aŭ por aŭ sen fremdnaciuloj. Tre interesa estis la latva aranĝo, tre belaj la polaj dancado kaj muziko, amuza la hungara vespero. La urbo Helsingborgo la unuan dimanĉon aranĝis karakterizan „svedan tagon“.

Grava travivaĵo por germanoj kaj francoj estis la franca-germana renkonto la 13-an de aŭgusto. La interpersonaj rilatoj estas vere la plej bona gajno de internacia kunveno.

La dua dimanĉo estis la karakteriza „dana tago“. El Kopenhago venis multe da gepatroj kaj geknaboj, por montri popoldancojn kaj hejmlandajn teatraĵojn. La bela ĉefurbego gastigis la kongresanojn la 14-an de aŭgusto.

Entute la kongreso ja havis per la ĝenerala temo „Nova psikologio kaj instruplano“ fizionomion de komuneca laborrondo, tamen pro la multego da partoprenintoj kaj pro la fatalo de diverslingveco la travivaĵo de mondvasta spirita kuneco estis certe pli forta ol la gajno de pedagogiaj ekkonoj. Estas necese, skribi kelkajn vortojn pri la lingva flanka de la Helsingor-a kongreso.

La dikega programlibro (pli ol 90 paĝoj!) estis presita kun trilingva teksto, nome angle, france kaj dane; tamen

estis necese, eldoni ankoraŭ 500 ekzemplerojn germanlingvajn. Per la diverskoloraj lingvosignoj de la 500 partoprenantoj el Skandinavio kaj de multaj finnlandanoj, latvoj kaj poloj oni vidis, ke multo da gastoj estis esperinta, kompreni la paroladojn per la germana lingvo. Sed — la ĉefprelegoj ne buŝe estis tradukataj; nur la postan tagon ni povis aĉeti anglajn tradukaĵojn, ankaŭ kelkajn francajn (kaj germanajn). La estraro anoncis potage angle la ŝanĝiĝojn en la programo sur nigraj tabuloj en la kongresoficejo kaj la kastelo kaj ankaŭ en la „Kronborg-Avizo".

La laborado en la grupoj okazis plejofte jenmaniere: La ĉefparolant(in)o uzis la anglan, francan aŭ germanan lingvon, poste la prezidant(in)o demandis, ĉu iu deziras tradukon en la unu aŭ la alian el la du kromlingvoj. Okaze de s u f i ĉ a bezono estis tradukata, preskaŭ ĉiam en la anglan, tre malofte en ambaŭ kromlingvojn. Kiam nur malmultaj gastoj deziris tradukon francaŭ germanlingven, tiam oni supozis, ke ili rezignas pri tradukaĵo. La tradukaĵoj estis nur tro mallongaj resumoj. Ofte mankis kapabla forto por tio. Nur esceptokaze oni tradukis ankaŭ iom de la debato.

Ĉiu internacia kongreso montras, ke la lango de homo estas ankoraŭ tro malperfekta organo ĝis tiam, kiam homoj, volante interparoli pri fakaj problemoj, ne estas kapablaj, tute interkompreniĝi. Estas ja ne tre malfacile, konversacii kun iu fremdulo per alia nacia lingvo; sed estas tro malfacile por la plej multaj geinstruistoj, tute kompreni sciencan paroladon en nacia fremdlingvo. Estas rimarkinde, ke tre malmultaj naturscienculoj kaj matematikistoj vizitis la kongreson.

Eĉ germanaj instruistoj, kiuj instruadas la anglan aŭ francan lingvojn, diris al mi, ke ili komprenis ofte nur duone anglan aŭ francan prelegon. — Kompreninte nur duonon de scienca parolado, oni komprenis kvazaŭ nenion; ĉar oni ne povas diveni la alian duonon en scienca ideoĉeno, en teoria pensiro, kiel plej ofte okazas en kutima konversacio.

Estas neagrable por parolanto, prelegi antaŭ aŭskultantaro, kiu plejgrandparte ne povas percepti la sencon de liaj vortoj. Estas ne agrable por aŭskultantoj, aŭdadi parolanton, kies lingvon ili ne komprenas. Estas malinde al homoj diskutadi en lingva konfuzo.

D-ro Deiters diris komence de sia prelego: Por tiuj, kiuj komprenos mian paroladon, ĝi ne estas verkita; tiuj, por kiuj ĝi estas verkita, ne komprenos ĝin. — Kiam post anglalingva prelego estis sekvonta germanlingva parolado, tiam tre ofte multo da personoj forlasis la Kronborgsalonegon. S-ro Otto Glöckel (Aŭstrujo) diris pro tio: Mi esperas, baldaŭ povi paroli mondhelplingve, tiam ne forkuros la gastoj, kiuj scipovas nur la anglan.

En la n-ro 6 de la „Kronborg-Avizo" oni povas legi germanlingve jenan plendon: „Nur malmulto tute scipovas la kongreslingvojn, nur malmulto povas percepti rapidan paroladon. Do, granda parto de tio, kio estas dirata en la kunsidoj, ne estas tute komprenata". La unua ordono por parolantoj tekstu: Parolu al internacia aŭskultantaro sufiĉe malrapide kaj pursone! Memoru: „Vortoj sen senco povas neniam ĉielen leviĝi" (el „Hamleto"). La kulturhigienisto D-ro Bornstein (Berlin-o) opiniis, laŭ multjara sperto devi aserti, ke regule la aŭskultantaro ĉe fremdlingvaj paroladoj komprenas ne pli ol unu dekono de la enhavo; la aplaŭdo estas trompigo, almenaŭ memtrompigo.

De pluraj flankoj venis la propono, ne jam post du jaroj ree aranĝi la venontan mondkongreson, sed nur post kvar aŭ kvin jaroj kaj en la intertempo okazigi regionkonferencojn, en kiuj nur unu lingvo estu uzota, ekz. orienteŭropan kongreson por geinstruistoj el Finnlando ĝis Balkano,

romanan kongreson, anglalingvan kongreson. Tiamaniere la sukceso kompensus verŝajne la gravajn oferojn je tempo kaj mono.

Kian rolon ludis Esperanto en la Helsingora kongreso? Kvankam la kongresestraro estis akceptinta la proponon de TAGE, uzi Esperanton kiel traduklingvon, ne okazis tio. Kial? La fakta kaŭzo estas jena: ĉeestis tro malmulte da esperantistaj kongresanoj. Nur 1% de la partoprenintoj estas esperantistoj. De nia legantaro apenaŭ dek personoj estis ĉeestantaj. Estas bedaŭrinde, sed vere: Inter pedagogio kaj Esperanto estas larĝa, profunda fendego. Al multegaj pedagogoj mankas Esperanto, por povi kulturi ilian eminente mondvastan sciencon vere internacie; al multaj esperantistaj gekolegoj mankas sufiĉa intereso pri specialaj pedagogiaj problemoj.

Malgraŭ la malgranda nombro da esperantistoj inter la kongresanoj Esperanto fosis sian sulkon.

Konsente kun la estraro tagon post tago s-ino Marg. Noll (Kopenhago) tradukis la programŝanĝiĝojn esperantlingven kaj skribis tiun tekston sur nigrajn tabulojn en la kongresoficejo kaj la kastelo. Tiujn ĉi sciigojn legis ankaŭ kelkaj kongresanoj, kiuj ne estis lernintaj Esperanton; tiuj estis aŭ personoj, kiuj scipovas plurajn eŭropajn lingvojn, sed ne la anglan, aŭ romanoj, kiuj ne povis kompreni la anglan tekston. Ni ŝuldas al s-ino Noll sinceran dankon.

Bona sukceso estis la Esperantista montra diskutado dum la „sveda tago“ en Helsingborgo. Bonvolu legi la raporton de samideano Jansson (Stokholmo).

Dum la dua semaino samideano Tiberio Morariu (Rumanujo) faris kvar provlecionojn laŭ la Ĉe-metodo; malgraŭ tempomanko du ĝis tri dekoj da kongresanoj partoprenis, precipe anglaj gekolegoj. Oni diras pri la Ĉe-metodo, ke bonhumora maniero estas ĝia ora sekreto. Nu bone! Laŭ mia opinio tio sufiĉas plenplene, por povi rigardi Ĉe-kurson kiel necesa parto de ĉiu kongreso pri nova eduko, ĉar ĝojo estas fonto de spirita forto. La germana poeta pedagogo Jean Paul ja skribis: „Gajeco estas ĉielo, sub kiu ĉio bonkreskas, escepte de veneno.“ Ni helpu aranĝi Ĉe-kurson antaŭ aŭ dum venontaj kongresoj de la Mondligo.

Estis grave, ke D-ro Ferrière publikigis sian prelegon esperantlingve. Profesoro Findley diris ofte je ĝusta tempo en ĝusta loko kelkan trafan vorton por Esperanto.

Mi finas mian raporton per la demando: Kio okazus, se la kongresestraro estus doninta al ni la komision, buŝe traduki ĉiujn paroladojn? Ĝis kiam la pedagogia terminologio ne estos sufiĉe ellaborita en Esperanto, ĝis tiam tia tasko estos apenaŭ solvebla.

La esperantista pedagogaro devos plenumi ankoraŭ gravajn taskojn, antaŭ ol ĝi povos fari nenion pli bonan ol sin politike disigi.

D-ro Kurt Riedel.

---

## Esperantista montra diskutado ĉe la Kongreso Helsingor-a.

Kun permeso de gvidantoj de la Novedukada Movado oni aranĝis, en la kadro de kongresa vizito en la sveda havenurbo Helsingborgo, diskutadon en Esperanto pri unu kongresa temo: Edukado al internacia kompreno. Loko estis la salono de la urba konsilantaro en la urbodomo, kiun plenigis kongresanoj kaj lokaj samideanoj. Sufiĉe internacia estis la prezido: Honora prezidanto Prof. Findlay, prezidantino s-ino Margareto Noll, Kopenhago, kaj sekretario Tiberiu Morariu.

Unue la prezidantino klarigis esperante, svedo svede kaj anglo angle la celon de la kunveno: Montri kiom Esperanto faciligas diskutadon en internacia

kongreso. Enkondukis rektoro Jansson, Svedujo, raportis rekomendojn de la edukista konferenco en Praha: Paco per lernejo. Tre multflanka estas la utilo de Esperanto por lerneja laboro, sed ĉion superas ĝia valoro, kiam temas pri rekta kontakto inter infanoj de diversaj landoj. Tial oni tuj komencu organizi multflankan interŝanĝon en lernejaj rondoj. Prof. Simon, Vieno, en vigla interesa parolado montris al unu grava kaŭzo de la disfalo de malnova Aŭstrio, la multlingveco. Neniu kunlaboro estas ebla sen komuna lingvo, kiu nepre devas esti facila, klara, neŭtrala, do Esperanto. Tre sprite li parolis pri la aplaŭdoj en grandaj kongresoj: pro ĝentileco kaj fidante la samlingvanojn de parolinto oni aplaŭdas sen kompreno. D-ro Riedel, Dresden, trafe priparolis la fakton, ke oni povas el la cirkonstancoj diveni la sencon de ies vortoj dum ordinara konversacio, sed alia afero estas scienca parolado. Komprenante duonon, oni neniom perceptas. Li almontris tuj ireblan vojon al plivastigo de Esperanto en kongresoj, nome lingvokursoj laŭ Ĉe-metodo dum kaj antaŭ la kongresoj, precipe instruistaj. S-ro Morariu, en ĉarma, vigla, flua lingvaĵo, rakontis amuzigajn spertojn de kongresoj, pri junaj homoj, kiuj sukcesis komprenigi kaj el korespondado, kiu instruas pli ol libroj pri kutimoj kaj pensoj de alia popolo. Leŭtenanto Bugge-Paulsen, Norvegujo, proponis rekomendi al la Novedukada movado pli vastan uzon de Esperanto kaj aranĝon de kursoj por la membroj. Samcele parolis studento Wappler, Dresden, kiu ĵus venis de la Ĉe-kurso en Budapeŝto por 150 instruistoj kaj tial laŭte, forte kaj kuraĝe parolis. La tempo tiel rapide forflugis, ke multaj ne havis okazon paroli, inter ili partoprenintoj en la dektaga ŝtata kurso. La prezidantino, kiu tre lerte gvidis la diskuton, laŭtlegis rezolucion. Ankaŭ pri tiu estis vigla diskutado, ĉar ĉiu deziris ĝin kiel eble plej bonefika. Fine oni komisiis al kvar homoj, redakti dezir-esprimon. Finis la honora prezidanto per angla, esperanta, franca, germana parolado, en kiu li rekomendis per bonhumoro kaj gajeco allogi la homojn, kiuj neniom scias pri nia lingvo; poste ili lernos ŝati kaj uzi ĝin. La kunveno laste per fortaj aplaŭdoj dankis al s-ino Noll, kiu per senlaca klopodo sukcesis, akiri la permeson aranĝi la diskuton.

Jansson (Stokholmo).

Jen tekstas la rezolucio:

Dum la „sveda tago“, en kunveno aranĝita de svedaj kaj danaj esperantistoj en la urbodomo de Helsingborgo, kun permeso de la Conference Executive Commitee (kongresa plenumkomitato), oni diskutas la problemon „Edukado al internacia kompreno“ kaj decidis transdoni al la estraro de la Novedukada Movado la jenan rezulton de la diskutado:

1. Konsiderante la gravan valoron, kiun jam ludis Esperanto en internacia kunlaboro, la kunveno — kun danko por jam permesita uzo de Esperanto dum la estanta kongreso — rekomendas pli vastan uzadon dum la venontaj kongresoj.

Tiel oni povas altiri al la noveduka movado tre energiajn edukistojn, kiuj ĝis nun pro lingvaj malfacilaĵoj ne povis efike partopreni la internacian laboron.

Estas rekomendinde aranĝi Esperanto-kursojn antaŭ kaj dum la kongresoj; similajn kursojn aranĝis la sveda ŝtato por popolaj instruistoj, laŭ metodo Ĉe, kun granda sukceso.

2. Konsiderante la altan pedagogian valoron de Esperanto, la kunveno petas la estraron, esplori kaj esplorigi la demandon, ĉu Esperanto ne ludu pli gravan rolon en la renovigo de l' edukado. Tio estas dezirinda tial,

a) ke Esperanto pro sia simpla konstruado estas rekomendinda al infanoj antaŭ la studo de fremdaj lingvoj, laŭ principo „de pli facila al pli malfacila“,

b) ke ĝi pro sia logikeco tre taŭgas al la formala klerigo de l' homoj,

c) ke ĝi pro sia neŭtraleco povas facil-igi la penojn de l' instruistoj, semi homaranajn sentojn inter la infanoj.

Kun refoja danko al estraro de la Nov-eduka Movado pro la bona akcepto kaj utila aplikado de Esperanto en la nuna kongreso kaj esperante daŭran atenton pri tiu ĉi grava demando,

ni restas altestime
por la kunveno de svedaj kaj danaj esperantistoj
(sign.) Margarethe Noll.
Helsingborgo, la 11-an de aŭgusto 1929.

---

## La geinstruista kunveno en Budapeŝto

merkredon la 7-an de aŭgusto je la 3-a posttagm. en la universitato.

Ĉeestas 56 gekolegoj.

S-ro kolego Neuzil malfermas la kun-sidon je la 3-a posttagmeze. Li kore dankas al la Budapeŝtanoj, kiuj koreg bonvenigis la Esperantistaron, li dankas precipe ankaŭ s-ron pastron Ĉe, kiu per sukcesplena kurso al 70 gekolegoj divers-landaj multe helpis disvastigi Esperanton en geinstruistaj rondoj.

La estraro de la kunveno konsistas el la jenaj sinjoroj.

Neuzil, Olomouc, prezidanto.

D-ro Mihalek, Budapest, vicprezidanto.

Sohrmann, Weinböhla, sekretario.

La prezidanto unue atentigas pri tio, ke TAGE kaj Internacia Pedagogia Re-vuo estas nia faka asocio kaj organo kaj ke estas honora devo de ĉiuj Esp.-geko-legoj aliĝi al ili. Li laŭdas speciale la fer-voron de la saksaj gekolegoj, kiuj en la kadro de la moderna lernejo klopodas ĉiel, pruvi la necesecon de la Esperanta lingvo. Ilia modela laboro instigu la ĉiu-landajn gekolegojn, plenumi sian devon rilate al Esperanto.

La subskribinto dankas en la nomo de la saksa kaj germana instruistaro, diras, ke la saksa geinstruista asocio kaj ankaŭ la komunumo Weinböhla subtenis mone lian vojaĝon, informas la kunvenintaron, ke la germana instruistaro akceptis dum sia pentekosta kunveno en Dresden la rezolucion: La germana instruistaro sub-tenas ĉiel la klopodojn, krei internacian interkomprenilon por geinstruistoj kaj gelernantoj. La aplaŭdo post tiuj ĉi sci-igoj estis grandega. Oni ĝenerale de-ziras, ke baldaŭ plenumiĝu la tempo, ke Esperanto estos la lingvo de la tutmonda instruistaro.

La enhavo de IPR kaj la informo, ke D-ro Riedel estas la redaktoro de la ga-zeto, kontentigas ĉiujn gekolegojn.

Prospektoj de la kulturologio de Klemm estas disdonataj kaj la aĉeto de la es-perantlingve aperonta libro estas varme rekomendata. Kelkaj gekolegoj mendas ĝin.

Proponoj postulas energian akceladon de Esp. interne de la Skolt-movado, in-struadon de geografio kaj historio sen ŝovinismaj tendencoj kaj akceladon de la Esp.-movado per la pedagogiaj gazetoj ĉiulandaj.

La infangazeto „La Etulo“ el Paris ŝajnas esti rekomendinda*).

La hungara kulto-ministro akceptos deputacion. Al ĝi apartenas: Neuzil, D-ro Mihalek (Budapeŝto), inspektoro Marcel Dezus (Lipot), fraŭlino Wünsche (Dresden) kaj la subskribinto.

La kunveno devas ĉesi je la 4-a, ĝi daŭros la 8-an antaŭtagmeze je la 11-a.

2-a kunveno: ĉeestas 14 personoj.

Bulgara kolego, s-ro P. I. Pamporof ad-monas la gekolegojn, labori por la just-eco, plena abstinenco de alkoholo kaj tabako kaj amo al la naturo.

F-ino Aranjo Molnar (Budapest) pro-ponas, peti la pedagogiajn gazetojn ĉiu-landajn, publikigi Esperanto-kursojn. Ĉiuj konsentas. Por vere realigi tion, estas

---

*) „La Etulo“ estas pure katolika. — G.

nepre necese, fondi naciajn asociajn geinstruistajn Esp. en ĉiuj landoj.

Por vivigi la infaninstruon, oni uzu bildojn, kantojn, historiojn. Estas necese, krei internacian kantaron konvenan por infanoj kaj krei valoran internacian legolibron. Tiurilate oni petu per alvoko en TAGE la energian kunhelpon de ĉiunaciaj gekolegoj.

Dana kolego informas pri ekspozicio okazonta kaj deziras interŝanĝadon de desegnaĵoj. Adreso: Helgar Hansen, instruisto, Holbäk, Danujo.

Pri la interŝanĝado de gekolegoj kaj gelernantoj okupu sin la IPR internacia Pedagogia Revuo.

La ĉefa sukceso de la pedagogia konferenco estis la akcepto de la cititaj 5 personoj ĉe la ministro de la kulto. Tiu eminenta sinjoro plene rekonas la altan valoron de Esp. por la porpaca eduko en la moderna lernejo kaj li opinias, ke la enkonduko de Esp. en la porinstruistajn edukejojn estas tre pripensinda.

Budapest, la 8-an de aŭgusto.

Arthur Sohrmann,
sekretario.

---

# 9-a SAT-Kongreso en Leipzig.

La rapida evoluo de SAT dum la 9 jaroj de ĝia ekzisto kompreniĝas el speciala bonŝanco, kiun ĝi havas kompare al la neŭtrala UEA-movado: Tie la samideanoj renkontiĝas sur la komuna bazo de la „interna ideo“ de la „Esperantismo“. Tie ĉi al tiu „Esperantismo“, kiu certe ankaŭ vivas inter la laboristaro, venas la eĉ pli dense liganta fakto de la socia klasbatalo. Unue la SAT-Esperantistoj sentas sian unuecon kaj siajn komunajn interesojn kiel proletarioj. Ili konsideras Esperanton kiel rimedon kaj propagandilon por la granda komuna ideo, por la komuna politika celo: Proletarioj de ĉiuj landoj unuiĝu, por forigi la kapitalistan sociordon.

Pro tiu klasbatala karaktero SAT komencas atingi la atenton de la politikaj laboristaj partioj kaj faras sukcesa kaj facila la propagandon de Esperanto inter la laboristaro. Tion pruvis la faktoj, ke la ĉefaj laboristaj asocioj kaj partioj kaj gazetoj salutis la kongreson, ke la du laboristaj gazetoj de Leipzig ĉiun tagon detale raportis pri la kongreslaboroj kaj ke la laboristoj de Leipzig en granda nombro partoprenis la salut- kaj la ferman amikan vesperon.

Sed la klasbatala karaktero de SAT ankaŭ enhavas danĝeron por la laborista Esperanto-movado. La socia klasbatalo formis la politikajn laboristajn partiojn. Kaj la nuna malamika kontraŭeco inter la komunista kaj la socialdemokrata partioj respeguliĝis en SAT. Tre komprenebla, kvankam tre bedaŭrinda fakto. Ĝi ankaŭ preskaŭ superregis la 9-an SAT-kongreson.

Imponan altan nivelon la salutvespero atingis en la prezentado de la festludo „Ektremis la tero“. Eksonis solene la parolado de eks-cesaro Wilhelm, kiun li faris „al sia popolo“ komence de la „ŝtalbano“, la mondmilito. Eksonis solene la paroladoj de la angla kaj de la franca ministroj, la prediko de la germana pastro Schettler, kiu preĝis al la Germana Dio, benis la germanan glavon, kiu traboru la ripojn de la „malamiko“, la predikoj de angla kaj franca pastroj. Ĉio akompanata de solenaj sonoj de naciaj himnoj kaj ĥoraloj. Ektremis la sentoj de la partoprenantoj. Kaj ili aŭdigis, ke ili bone lernis el tiu fakta, historia leciono. Kompilaĵo el la filmoj „Potemkin“ kaj „Dek tagoj, kiuj tremigis la mondon“ interrompate de mov-, parol- kaj kantĥoroj, akompanate de tendencmuziko, montris scenojn el milito, revolucio kaj reakcio. Komuna kanto „Fratoj al sun', libereco“, ankaŭ prezentata de tre impresiga movĥoro, finis la salutvesperon, kiu havis tute proletarian karakteron.

En ses laborkunsidoj estis plenumataj la taskoj de la kongreso. La raportoj de

la administracio kaj redakcio povis konstati ĝojigan kreskon de SAT kaj atestis la grandan laboron kaj sindonemon de la oficuloj. La diskuto tute ne tuŝis tiuin raportojn, sed plene koncentriĝis sur la konflikton, kiu estiĝis pro la eldono de la broŝuro Lanty „Laborista Esperantismo" kvazaŭ kiel oficiala programo de SAT. Tiu broŝuro ne konformas al la SAT-statuto, ĝi ne konformas al la klasbatala karaktero de SAT. La direkcio estas riproĉata, esti gvidinta lasttempe la tutan movadon en tiu revizionisma senco de la broŝuro kaj per tio esti kaŭzinta malbonan staton de la movado en Sovetio. Transiro de la SAT-direkcio el Paris al alia urbo, kie la konekso de la esperantistaj laboristoj kun la laboristaro estas pli densa, estas postulata (Leipzig proponata). La diskutantoj pasie parolas. (Laŭ lingva vidpunkto estis ĝuo, aŭskulti la majstran elokventecon de la disputantoj.) Vidiĝas du frontoj, jen la komunista, jen la socialdemokrata: La krizo inter la laboristaj partioj fariĝas akuta en la kongreso kaj minacas krevigi la unuecon de SAT. La ekkono de tiu danĝero fine obtuzigas la ondegojn, mildigas la akrajn parolojn kaj laste kondukas al rezolucio, per kiu la paco estas restarigita: La direkcio konfesas la eldonon de la programbroŝuro mispaŝo, la kongreso esprimas sian konfidon al la gvidantaj instancoj, SAT volas gardi la unuecon inter la laboristoj el ĉiuj laboristaj partioj.

Post tiu emociiga diskuto la laboro kaj baloto pri 53 proponoj ne plu trovis la profundan intereson de la kongresanoj, des malpli, ĉar la proponoj ne estis multobligitaj kaj disdonitaj.

Krom prelegoj de Internacia Proletaria Altlernejo en la kadro de la kongreso (Moderna sociologia lingvoscienco kaj mondlingvo, Sporto en la servo de la proletario, Konflikto en Ĉinio) okazis multaj fakkunsidoj kaj gvidoj tra presejo, ĉefproduktejo kaj buĉejo de la konsumkooperativo, Laborista Gimnast- kaj Sportlernejo, Zoologia ĝardeno, aŭtoveturado tra la urbo.

La kongreskotizo estis 2 M! (Du markoj, ne dudek!)

1102 kamaradoj el 29 landoj aliĝis al la kongreso, 662 el 22 landoj partoprenis.

Por la venonta kongreso oni proponis Bruxelles, Moskvo, London kaj la landon, kie okazos la UEA-kongreso. Moskvo ne invitis, Bruxelles estis malakceptata. Decidos la plenumkomitato.

La ĉefa signifo de la kongreso estas, ke la pasinta konflikto eble plifortigas la volon, nepre gardi la unuecon kaj per tio certigi la pluan prosperon de SAT.

Goldberg.

---

## SAT-edukista kunsido.

Mi tre bedaŭras, ke pro nebona sanstato mi ne povas esti inter vi ĉe nia SAT-edukista kunveno. Tamen mi deziras esprimi al vi ĉiuj mian tute fratan saluton de klaskonscia edukisto kaj al vi memorigi, ke nia klasbatala frateco, kiu duoble ligas nin al ĉiuj SAT-anoj kaj al ĉiuj samprofesianoj, postulas de ni pliajn apartajn devojn en la laborista esperanto-movado.

Kion ni faris de lasta SAT-kongreso en Göteborg?

Kiajn rilatojn havu SAT-edukistoj kun neŭtrala TAGE kaj IPR?

Kiun praktikan laboron ni devos plenumi en venonta jaro? Resumante miajn artikolojn pri sama temo en la lastaj edukaj kajeroj de La Nova Epoko, mi mallonge ĉi poste raportos pri tiuj tri demandoj.

**Lastjara laboro.**

Ju pli kreskas la SAT-movado entute, des pli ankaŭ kreskas nia SAT-edukista sekcio. La nombro de SAT-edukistoj estas nun proksimume 700—800. Unu el 10 aliĝantoj al SAT estas edukisto. Ni ne bezonas komenti la fakton, ke la laborista movado kreskas pli rapide ol la

burĝa movado kaj jam la SAT-kongresoj per sia nombro de partoprenantoj fariĝas tiom gravaj kaj imponaj, kiom la universalaj kongresoj de la neŭtrala Esperantismo. Estus malsaĝe, ne entrepreni la organizon de la edukistoj en SAT.

Mi tamen devas konfesi, ke nia interna organizo malmulte kreskis en lasta jaro, dum ne ĉesas kreski nia ekstera influo sur la tutmonda avangarda instruistaro. Kaŭzoj kuŝas en tio, ke tro ofte la SAT-edukistoj dediĉas sian tutan penadon al ĝenerala propagando, ne atentante sian propran fakon kaj ke kvankam ili estas internaciistoj, ili ankoraŭ ne partoprenas mem per sia Esperanto-scipovo la internacian instrulaboristan movadon.

Tamen en 1928—1929, dank' al persista kaj serioza laboro de kelkaj SAT-edukistoj, ni atingis gravajn sukcesojn:

1. Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo (TEPS) ricevas pli kaj pli la kunlaboron de Satanoj. La amplekso de ĝia bulteno estas nun 16-paĝa (antaŭe nur 12). Ĉiaj artikoloj fariĝas pli kaj pli seriozaj, interesaj, represindaj kaj represataj.

2. La redakcio de l' ukraina revuo „Vojo de Klerigo“ ne nur daŭrigis publikigi regule sian Esperanto-lingvan resumfolion, sed ankaŭ pliampleksigis ĝin (ĝi estas nun 8-paĝa, kvankam ĉiam senpaga). Pli multaj SAT-edukistoj kunlaboris kun ĉi redakcio kaj ricevis honorarion (monon) pro siaj artikoloj.

3. En Britio, sur bazo de aplikado de Esperanto al edukista movado, k-doj Stay kaj Capper (ĉi lasta unu el gvidantoj de Instruista Laborista Ligo — TLL) atingas sukcesojn, kiuj impresas lian Ligon TLL.

4. En Francio, la SAT-edukistoj estis komisiataj dokumentizi la internacian rubrikon de la gazeto „Presarto, Kino kaj Radio en Lernejo“ kaj plene sukcesis kaj rekompenciĝis per publikigo de elementa Esperanto-kurso. Ĉi gazeto daŭrigos sisteme propagandi Esperanton kaj apliki ĝin. En sama lando, la klasbatalaj feministoj decidis de si mem utiligi Esperanton kaj sin turnis al ni por publikigi regule alvokojn, artikolojn, novaĵojn por tutmondaj edukistinoj kaj por organizi korespondadon inter ĉiulandaj klasbatalaj instruistoj.

5. Edukintern nun pli serioze rilatas al nia afero, utiligas iafoje nian lingvon kaj eĉ unu sekretario (k-do Cogniot) tradukis mem el Esperanto bonan artikolon pri Krupskaja (edzino de Lenin) el la nova gazeto „Soveta Pedagogia Revuo“.

6. En Sovetio, dank' al nia multjara persista laboro kaj ekster kiaj ajn klopodoj senperaj de l' esperantistoj, la grava Soveta Instruista Unuiĝo decidis publikigi esperantlingvan propagandan organon „Soveta Pedagogia Revuo“, kiu nun estas la plej trafa propagandilo de Esperanto en la avangardai edukistaj rondoj. Ni nepre abonu kaj disvastigu ĝin.

**Rilatoj kun TAGE kaj IPR.**

Mi ne volas denove prezenti la debaton pri krizo de l' esperantista Esperanto-movado inter SAT-edukista sekcio kaj TAGE-anoj. Detale pri tio oni povis legi sur edukaj kajeroj de „La Nova Epoko“. Kiel sekretario de SAT-edukista sekcio, mi tute serene kaj sen troigaj asertoj pruvis, ke jam venis la momento forlasi la vojon de neŭtralismo. La principoj prezentitaj de k-do Lanti en sia broŝuro „For la neŭtralismon“ (kun ĉiuj en komenco moderigoj kaj provizoraj taktikoj) ankaŭ koncernas la SAT-edukistojn. Ni ekaplikas ilin 10 jarojn post la ceteraj Satanoj. Ni povas nun ilin ekapliki, ĉar la klasbatala Esperanto-movado fariĝis tiom grava, kiom la neŭtrala, ĉar en nunaj kondiĉoj de l' internacia vivo, TAGE povas nur aliĝi kaj efektive aliĝas nur burĝan movadon.*)

*) Noto de la redaktoro: Mi estas homo kaj portas mian koron maldekstre, sed mia cerbo funkcias feliĉe ankoraŭ duflanke. R.

K-do Goldberg pledas por ke SAT-edukistoj ankoraŭ laboru en TAGE por propagandi Esperanton en burĝaj internaciaj medioj. Kiam al UEA ankoraŭ apartenas Satanoj, ni ne povas postuli, ke SAT-edukistoj subite forlasu TAGE, sed estas nia devo rekomendi ĝin. SAT ankaŭ malpermesas al siaj anoj okupi postenojn en UEA kaj en kiu ajn neŭtrala organizo. Pro nia konata malfrueco en la laborista movado, ni petu ian nerigorecon; sed nepre iom post iom SAT-edukistoj devas forlasi gvidadon de TAGE.

Ni rekomendas abonon al IPR, ĉar tiu revuo, konsiderata de teknika vidpunkto, kelkfoje enhavas interesan informaĵon. Sed antaŭ ĉio necesas, ke SAT-edukisto abonu sian propran organon „La Nova Epoko" kaj subtenu sian proletan aferon. Mi plene konscias, ke La Nova Epoko pro siaj diversaj serioj ne aparte aboneblaj ne povas esti la perfekta ligilo kuniganta ĉiujn SAT-edukistojn. Tial interkonsente kun SAT-estraro kaj sub puŝado de niaj sukcesoj ni projektas eldonon de propra pedagogia SAT-organo (eble en jaro 1931). Same, kiel antaŭ 2 jaroj, ni prave deklaris, ke fondo de l' edukista sekcio de SAT neniel malutilos al TAGE, ni deklaras, ke fondo de aparta gazeto por klasbatalaj edukistoj neniel endanĝerigos vivon de IPR (kvankam ni opinias avangardan gazeton pli utila ol neŭtrala nepre malaperonta ĉe sociaj transformoj).

Mi prezentas por via kritiko la tri konkludojn de mia artikolo pri tiu temo en La Nova Epoko, kiuj sumas la debaton.

**Proponoj pri organizo kaj praktika laboro en venonta jaro.**

a) Gvida Komitato. — Lastjare ni akceptis, kiel gvidantojn de la SAT-edukista sekcio, la redakciajn komitatanojn de l' eduka serio de „La Nova Epoko", al kiuj oni aligis k-don Johanssonn el Göteborg. Ĉi lasta kamarado ne donis vivosignon. Pro tromulteco da peresperanta laboro, mi rezignis la redaktoradon de la edukaj kajeroj de La N E, kiun akceptis k-do Stay. Septembra numero estos la unua kajero tute prizorgita de ĉi kamarado. K-do Van de Moortel, kiu antaŭ nelonge rezignis pedagogian sekretariecon de Edukintern, ankaŭ rezignis anecon en nia redakcia komitato. Restas do jenaj k-doj: Redaktoro Stay; membroj: Starr, Freinet, Zilberfarb, Boubou. Mi proponas konservi ĉi k-dojn kaj aldoni anstataŭ k-do Van de Moortel k-don Jeitler el Vieno, prizorganto de la klera fako de Aŭstria Laborista Esperantista Ligo.

b) Esperanto-aplikado. — Niaj sukcesoj estas ŝuldataj al daŭra serioza aplikado de Esperanto je servo de l' edukistoj. Bedaŭre nur kelkaj kamaradoj partoprenas tiun laboron ĉe TEPS, Vojo de Klerigo, Pedagogia Kvalifiko (Moskvo), ĉe sindikatoj de sovetaj, anglaj, francaj instruistoj. La peresperanta servado al tutmonda edukistaro estas nia normala tasko. Ni ĉiam penu trovi kunlaborantojn. La kunlabora ligilo estas TEPS-informilo, kiu ebligas praktikan laboron sur ĉiuj avangardaj edukistaj kampoj. Okaze de la hodiaŭa SAT-edukista kunveno, estu kolektataj la nomoj de k-doj akceptantaj kunlabori al nia Esperanto-aplika servo TEPS.

c) TEPS-informoj aperos de nun sur ĵus kreita „Paĝo de Eduklaboristo" en Sennaciulo (ĉiumonate), sur la Edukaj Kajeroj de La Nova Epoko (8 paĝoj ĉiutrimonate) kaj sur linografa monata informilo jam de kvar jaroj aperanta (senpage dissendata al la kunlaborantoj kun resumfolio de Vojo de Klerigo). Montriĝas necesa nova SAT-edukista organo kuniganta la tutan edukistan Esperantomaterialon kaj liganta kaj organizanta la tutan SAT-instruistaron. Ĝis kiam ni ne havos nian propran gazeton, nia SAT-edukista sekcio ne bone funkcios, ankaŭ ne nia praktika kaj propaganda laboro.

Ju pli baldaŭ, des pli bone. Vi bonvolu diskuti pri la proponita aperdato: novjaro 1931. Dume ni penu disvastigi la sovetan organon „Soveta Pedagogia Revuo“ (aperis jam 3 numeroj), kiu sin turnis al ni por tio, kaj estu kolektataj la nomoj de k-doj akceptantaj esti „agentoj“ en siaj landoj por ĉi revuo.

d) Fine vi bonvolu esprimi vian opinion pri la tri konkludoj de mi prezentitaj fine de mia artikolo pri „Krizo de Esperanto-instruistaro“ kaj tio helpos al plua kaj sukcesa gvidado de nia SAT-edukista sekcio[1]).

K-doj, ni montru nin indaj Satanoj: klaskonsciaj laboremaj kaj helpemaj edukistoj.

Kun kamarada saluto: Marcel Boubou.

---

[1])— Ĉi 3 konkludoj estas: 1. profiti el fakinformado de neŭtraluloj, t. e. **aboni IPR;** 2. allasi al neŭtraluloj prizorgon de neŭtrala movado, t. e.: **iom post iom forlasi la gvidpostenojn de TAGE;** 3. direkti nian konstruan penon al SAT, t. e. **organizi la SAT-edukistan Sekcion kaj aboni „La Novan Epokon“.**

---

# Recenzoj.

**Diablidoj.** Rakonto por la junularo, de N. Barthelmess. Biblioteko de SAT. 48 pĝ., 0.60 germ RM. Diablidoj, idoj de l' diablo, nomas faŝistaj junuloj junpionirojn. Tre lerte verkita rakonto kun vigla, dramatika enhavo, kiu forte ekkaptos la intereson de komunistaj junuloj. La lingvo estas facila kaj flua. Estas dezirinde, ke Barthelmess verku similan rakonton por la tuta laborista infanaro, ne nur por la komunista. Libretoj por infanoj ankoraŭ mankas. Jen modelo.

**Kion rakontas la amikoj de Peĉjo.** Fabeloj de Hermynia zur Mühlen. Biblioteko de SAT. 54 pĝ., 0.60 germ. RM. Valora verko de H. z. M., por la laboristaro. La fabeloj ne temas pri reĝoj kaj princinoj, sed la malsana Peĉjo aŭdas de diversaj objektoj rakontojn kaj interparolojn pri la socia ordo. Pro la instrusimila karaktero la libro ne estos tiom alloga por la junuloj kiel Diablidoj.

**Ilustrita Biblioteko,** eldonita de Heroldo de Esperanto. Dua serio: La Maro. N-roj 6/7: Gerstäcker, La ŝipĉarpentisto. — N-ro 8: Gorch Fock, Boatman, Daudet; 3 rakontoj. — N-ro 9: Jung, Gudrun. — N-ro 10: Cunningham, Russell; 2 rakontoj. — Ĉiu n-ro 0.50 germ. RM.; ĉiuj kune (172 paĝoj) 2.— RM, bindita 3.60 RM. — Kiu amas la maron, tiu trovas ĉi tie belan legaĵon. Aventuroj, rakontitaj de bonaj aŭtoroj kaj bone tradukitaj (n-ro 9 estas originalo) forte kaptas la intereson. Eble la tradukintoj estas iom tro emaj al enkonduko de novaj vortoj (povra, tomahaŭko, vaĉi, mesaĝo, morna, pranci, purĝi, hanti, strando k. a.) kaj al uzado de maloftaj kaj dube-necesaj esprimoj (blazo, plunĝi, bebo k. a.). — La prezo estas malalta, la bildoj ne ĉiel laŭdindaj.

**Supera kurso de Esperanto** de D-ro Leopold Dreher (L. K.). Eldono de la aŭtoro: Kraków-Pollando. La 70-paĝa libreto estas uzebla en kursoj por progresintoj — **sed kun singardo.** Ĝi flankenlasas gravajn rimedojn al metodika perfektigo de estontaj kursgvidantoj (nome bildojn kaj aliajn demonstraciojn).

Ne modele ĝi traktas kelkajn gramatikajn kaj pristilajn ĉapitrojn (ekz. kunmetitajn verboformojn — vortsamecon — ĝis kiam — post kiam). Sur ĉ. 30 unuopaj paĝoj ĝi enhavas kaj parte rekomendas malkorektaĵojn bagatelajn kaj eĉ pli gravajn.

Oni miras pri la laŭdega aprobo de la Akademia Prezidanto en la „antaŭvorto“, kiel reklamilo anoncita sur la titola paĝo.

Degen.

---

**Sendu artikolojn por IPR al la redakcio!**

---

# PETO.

**La gekolegoj en ĉiuj landoj estas petataj, kiel eble plej baldaŭ, sendi rekte al**

**D-ro Dietterle, Leipzig W. 31, Seumestr. 10, Germanujo**

**raportojn el siaj naciaj porinstruistaj pedagogiaj kaj aliaj gazetoj, kiuj liveris raporton pri la internaciaj kongresoj en Genève kaj en Helsingör. Precipe tiaj raportoj estas dezirindaj, en kiuj oni legas pri la malfacilaĵoj, kiujn kaŭzis la diverslingveco dum la kongresoj.**

**Laborkomisiono por TAGE kaj IPR.**

---

## Esp.-Asocio de Saksaj Instruistoj.

### Kasa afero.

Mi petas niajn anojn, kiuj ne pagis ĝis hodiaŭ, nun sendi sian jaran kotizon por 1929, ĉar mi urĝe deziras plenumi niajn financajn devojn al „Tage" (I. P. R.!) kaj al Esp.-Asocio de Germ. Instr.

Mi tre ĝojus, se oni (memvole kaj unufoje) aligus kvinan markon por subtenado kaj fortigo de nia propagandokaso. En tiu senco mi dankas ĉiujn anojn, kiuj sendante sian kotizon, mem altigis ĝin je unu marko.

K. Schönherr,
kasisto

Kontoj: Poŝtĉeko Dresden 112 617,
Ĝiro Dresden 30560.

---



---

**La venonta numero aperos la 1-an de novembro**

**Ne prokrastu vian reabonon! Ne forgesu la alsendon de via kotizo! Kiu ne pagas baldaŭ, ne plu ricevos la gazeton.**

# Bonvolu atenti, gekolegoj!

**Sendu plej eble baldaŭ viajn kotizojn!**

Depost la unua de januaro 1929 la abonantoj el jenaj landoj povas pagi siajn kotizojn **per poŝtĉeko:** Jugoslavio, Saarteritorio, Danzig, Belgio, Danujo, Francujo, Letlando, Nederlando, Aŭstrio, Svedujo, Svislando, Ĉeĥoslovakio kaj Hungarujo.

**Administrejo: Karl Kröber, Weststr. 4/II, Riesa, Germanlando**
Postscheckamt: Dresden 110715.

## Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo (TEPS)

estas racia utiligado de kolektiva korespondo inter geinstruistoj el tutmondo por esperanta kaj nacilingva gazetaro.

Sendu ĉiumonate artikolon pri vialandaj lernejo kaj instruistaro; ĝi nepre aperos en TEPS-Informilo 16-paĝa, kiun vi ricevos tute senpage.

Turnu vin al Marcel Boubou, 96 rue Saint Marceau, Orléans (Loiret) Francio.



## Simplaj korespond-anoncoj senkostaj — por abonantoj de IPR kaj por viaj kursanoj!

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.